# Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

En landoj:

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield. |
| Aŭstra: | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72 487. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov. Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | Pierre Pichon, Etriché (Maine et Loire.) |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21. Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Boráros tér 6, IV. 1. Budapest, IX, |

En landoj:

| | |
|---|---|
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen. Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Ludolf Königsweg 6, Danzig. Poŝtĉekkonto: 202 100 |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50 304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

## Atentu!

**Unueca abonprezo por ĉiuj abonantoj estu 1 USA-dolaro aŭ egalvalora valuto!**

---

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer".

Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.



## Por korekta pago

**estas nepre necese, ke ĉiu atentu la novan kotizon por ĉiuj negermanaj abonantoj!**

## 1 USA-dolaro!

// INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO
10-a jaro. Numero 7
Julio 1931

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch. Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo



# La literaturo pedagogia en Pollando.

De D-rino Janina Ender, Pabjanice (Pollando).

Kiel unuan verkon pedagogian en Pollando oni povus rigardi verkon aperintan en la unua jardeko de la XVI-a jarcento: „Pri la edukado de l' reĝido" (De institutione regii pueri). Ĝi estis letero de la reĝino Elizabeta al sia filo, reĝo de Bohemujo kaj Hungarujo, enhavanta konsilojn pri la edukado de ŝia nepo. Cetere ne la reĝino mem estis aŭtorino de tiu ĉi letero, sed versimile unu el la humanistoj italaj estadantaj tiam ĉe la reĝa kortego. Lia nomo restis nekonata.

La XVI-a jarcento estis tempo de vigla vivo anima en Pollando. Multaj verkistoj sin okupis ankaŭ pri problemoj edukistaj, i. a. Maricius, Modrzewski, Gliczner, Petrycy. Ĉiuj partoprenis en la movado humanista kaj reformista kaj ŝatis tial tre alte la edukadon intelektan. Modrzewski postulas plibonigon de situacio socia de la instruistaro. Vere iom alie opiniis la fama poeto Nikolao Rej, kiu ankaŭ okupis sin pri demandoj edukadaj. Li esprimas sin malŝateme pri „septem artes liberales" kaj diras, ke la vivo estas la plej bona lernejo.

La humanista klerigo vaste etendiĝis en la XVI-a jarcento en ĉiuj sferoj de la socio.

En la dua duono de la XVII-a jarcento komencas la politika kaj intelekta falo de Pollando. La scienca nivelo malaltiĝas. La lernejoj sin trovas en manoj de Jezuitoj. La penso pedagogia estas neglektata. Interesa dokumento de tiama tempo estas du skribaĵoj de Jakobo Sobieski, magnato pola, patro de du filoj, kiuj estis edukataj en Krakovo kaj poste en eksterlando. La patro konsilas al ili konatiĝon kun francaj institucioj militistaraj. Ĉar la junuloj estadis dum ia tempo ĉe la kortego de Ludoviko XIV-a, la patro ne povis malpermesi al ili partoprenadon en la festenoj kortegaj, sed skribis al ili:

„Laŭ mia opinio estus pli bone prepariĝi al danco kun Turkoj kaj Tataroj.“ Efektive unu el la du filoj pereis poste en milito kun Turkoj, la alia fariĝis reĝo pola Joano III-a, kiu liberigis de Turkoj Vienon.

El alilanduloj estadis plilongan tempon en Pollando Kommenius, kiu devis forlasi sian patrujon pro persekutado religia.

En la unua duono de la XVIII-a jarcento nenia menciinda verko pedagogia aperas. Ne pli frue ol la dua duono de la XVIII-a jarcento komencas potenca revolucio intelekta, kiu kondukas al la disvolviĝo de la literaturo kaj scienco. Novaj ideoj penetras de la Eŭropo okcidenta Pollandon. En la jaro 1773 oni kreas Komisionon de Edukado, la unuan ministerion de klerigo. Vigla movado pedagogia komencas, oni kredas, ke reformante la edukadon oni povas reformi la registaron kaj savi la landon. Oni kritikas la ĝisnunan edukadon kaj projektas novajn metodojn. Oni sin multe okupis je la demando de popola klerado, de edukado de knabinoj kaj je la reformo de la universitatoj. Aperas libro de konsiloj pedagogaj por instruistoj popolaj: „Je la devoj de instruisto en lernejoj parohaj“ de G. Piramowicz. Oni ankaŭ volonte sekvis konsilojn de alilanduloj. Skribis i. a. Rousseau en siaj rimarkoj pri la Pola Registaro siajn konsilojn tuŝantajn la edukadon, kiuj cetere sonas alie ol en lia „Emilo“.

Ĉiuj penoj kaj fortostreĉoj reformistaj de la patriotoj en la XVIII-a jarcento tamen ne savis la polan ŝtaton, kiu en la jaro 1795 perdis sian sendependecon. Sed post pli ol duonjarcento ekzistis polaj lernejoj en Rusa Polujo, parte en Prusa. Plena rusigo, respektive germanigo de lernejoj okazis en la dua duono de la XIX-a jarcento.

En Aŭstra Pollando (Galicio) oni tuj komencis forte germanigi la lernejojn. Nur en la lastaj jardekoj de la XIX-a jarcento Galicio ricevis limigitan aŭtonomion kaj propran administradon de lernejoj kaj tie estis ebla disvolviĝo de penso pedagogia.

Kvankam la Poloj dum tiel longa tempo malposedis propran registaron kaj la administrado de lernejoj nur parte estis en polaj manoj, oni tamen ne povas diri ke la intereso pedagogia pereis aŭ falis; kontraŭe, forigita de la vivo politika, oni tiom pli turnis sian intereson al la kulturo de la lingvo, de la literaturo kaj scienco, de la laboro de popola edukado, vidinte en tio ĉi vojon al la liberigo. Granda pola kulturpolitikisto, Stanislao Staszic, diris: „Eĉ granda nacio povas fali, sed perei nur malnobla.“

Ne permesi sin pereigi, sed stariĝi sur eble plej alta nivelo de kulturo, tia estis dum pli ol jarcento la signaldiro. Grandan pezon oni metis sur la edukadon de la juna generacio. Preskaŭ ĉiu eminenta homo de tiu tempo esprimas sian opinion pri la edukado. Preskaŭ ĉiuj ŝatindaj alilandaj verkoj pedagogaj, kiel de Pestalozzi, Herbart, Spencer estas tradukitaj.

La plej fama pola verkisto pedagogia de la unua duono de XIX-a jarcento estis Bronislao Trentowski, aŭtoro de „Chowanna“. Li staris sub forta influo de la scienco germana. Li revis pri fondado de pola nacia filozofio unuiganta la okcidenteŭropan realismon kun la germana idealismo. Al tiu ĉi devas servi la edukado. La edukado devas fariĝi persono memstara, libera, saĝa, staranta super ĉiuj antaŭjuĝoj, vivanta por la vero, la belo, la bono, por la homamo, kreanta sian propran mondon.

Memstarecon kaj estimon por la individualismo tre alte starigis Trentowski. Al edukisto li donas la indikon: „Edukota devas fariĝi ne via simio, sed originala, disimila estaĵo.“

Je la filozofio pedagogia okupis sin ankaŭ filozofo Hoëne-Wroński.

Je la fino de la XIX-a jarcento instruita laŭ modeloj anglosaksaj aganto, Stanislao Szczepanowski, kiu ĝuste ne estis pedagogo, sed skribis pensojn pri edukado nacia, vokis al reformado de l' programoj kaj metodoj de edukado, al disvolvigo de memstareco kaj individualismo.

Pri la problemoj psikologiaj de l' edukado okupis sin antaŭ la mondmilito Jan Wladyslaw Dawid, aŭtoro de l' verko: „Inteligento, volo kaj laborkapableco.“ Li verkis testojn psikologiajn antaŭ ol Binet kaj Stanley-Hall tian faris.

Kiel esploristino pedologia estas konata Jozefino Joteyko, kiu longan tempon vivis en eksterlando kaj skribis ankaŭ multe en franca lingvo. En la sama sfero estis ankaŭ aktiva Aniela Szyc, aŭtorino de la libro: „La evoluo de l' kompreno de l' infano 5- ĝis 12-jara.“

Kiel historiistoj de l' edukado estis konataj Kazimiro Morawski, Antono Karbowiak kaj Antono Danysz. En vidpunkto sociala okupis sin pri demandoj pedagogiaj Karpowicz kaj Moszczeńska. Estis eldonataj ankaŭ kelkaj revuoj pedagogiaj kaj vasta enciklopedio pedagogia, kiu ankaŭ nun estas daŭrigata.

La reviviĝo de la Ŝtato Pola ebligis ankaŭ agadon pedagogian. Kvankam la situacio financa ne permesas ankoraŭ subsidii ĝin sufiĉe, tamen la literaturo pedagogia disvolviĝas kaj ampleksas verkojn de polaj aŭtoroj kaj tradukojn de eminentaj verkoj de tutmonda literaturo pedagogia. Sciencajn studojn pedagogiajn oni faras en la universitatoj Krakovo kaj Varsovio.

La pola literaturo pedagogia enhavas verkojn priparolantajn diversajn problemojn kaj tuŝantajn multajn demandojn pedagogiajn. Novan terenon ampleksas verkoj okupantaj sociologion de l' demandoj edukistaj, antaŭ aliaj: „Sociologio de l' edukado“ de F. Znaniecki, Varsovio, 1928. Same de l' sociologia vidpunkto konsideras J. Chałaciński la demandon: „La edukado en fremda domo kiel institucio sociala“, Poznań, 1928. (La libro aperis ankaŭ en traduko franca).

Principajn demandojn de instruado priparolas B. Nawroczynski: „Principoj de instruado“, Varsovio, 1930, kaj M. Ziemnowicz: „Problemo de nuntempa edukado“, 1923.

Historion de l' edukado skribis Kot, profesoro je la universitato Krakova (1924). Kiam la aliro al la arĥivoj ebligis kaj post kiam multaj polaj arĥivaĵoj revenis de Rusujo, estis ankaŭ ebligita esplorado de pola pedagogio. En 1923 estis la 150-a datreveno de la fondado de la Komisio de Edukado Nacia. Tio instigis la historiistojn polajn esplori la agadon de tiu ĉi unua ministerio de klerigo. „Epoko de la granda reformo“ estas verko de kelkaj kunlaborantoj enhavanta studojn de la historio de l' instruado en Pollando en la XVIII-a jarcento, — 1923. Montriĝis ankoraŭ: „La lernejoj paroĥiaj en Pollando kaj Litovujo en tempo de la Komisio de E. N. 1773—1794“ de T. Wierzbowski, Krakovo, 1921. „La demando de popolklerigo en la tempo de la Komisiono de E. N.“ de H. Pohoska, Krakovo, 1925, verko komparanta la principojn de la Komisiono kun la tiamaj instrudirektoj en Eŭropo, „Instruo de moralo en la lernejoj de la Komisio de la E. N.“ de St. Tync, Krakovo, 1922, kie estas konstatite, ke Pollando la unua enkondukis en la XVIII-a jarcento instruadon de moralo en la lernejoj sendepende de l' instruado de la religio.

Aliajn momentojn en la historio de l' instruado priparolas: St. Łempicki

„Agado de Jan Zamoyski sur la tereno lerneja 1573—1605", Krakovo, 1921 (Zamoyski estis konata humanisto kaj politikisto); A. Danysz „Studoj pri la historio de l' edukado en Pollando" en la XVI-a kaj XVII-a jarcentoj, Krakovo, 1921.

Interesplena estas libro de W. Bobkowska: „Novaj direktoj en la instruado popola en Pollando en la komenco de la XIX-a jarcento", Krakovo, 1928, en kiu ŝi priparolas la influon de Pestalozzi kaj Lancaster en Pollando.

La rusan lernejpolitikon en Kongres-Pollando 1831—1855 kaj ĝian malutilan influon priparolas detale la verko de J. Kucharzewski: „La epoko de Paskiewicz", Krakovo, 1914. Pri la administrado de lernejoj skribis Manteuffel: „Centra Estraro Lerneja sur la tereno de la estinta Kongres-Pollando 1807—1915", Varsovio, 1929. La plej novan tempon priparolas K. Konarski: „Historio de lernejoj en la estinta Kongres-Pollando 1915—1918", Krakovo, 1923.

Aperas, kvankam neregule, revuo historie-pedagogia „Minerwa Polska" en Lvov.

Je la historio de alilanda pedagogio oni sin okupas malpli ol de la pola, kvankam oni povas citi tie ĉi la libron de Smolka: „La lernejoj grekaj en antikva Egipto", 1921, kaj detalan monografion 3-voluman de F. Kierski pri Pestalozzi, Varsovio, 1927.

Pri la psikologio pedagogia citindaj estas verkoj de Dąbrowski, Lipska-Librach, Szumann, Rovid kaj antaŭ ĉio de la mortinta Jozefino Joteyko. Novaperinta estas: „La psikologio de la aĝo maturiĝanta" de Stefan Baley, Varsovio, 1931. Rimarkeblaj por specialistoj estas verko de M. Grzegorzewska: „Psikologio de la blinduloj" de F. Baumgarten: „Mensogo ĉe la infanoj" (aperis ankaŭ en traduko germana), fine la libreto de E. Lubliner: „La infano-vaguio".

La plej novajn problemojn kaj eksperimentojn pedagogiajn priparolas kelkaj aŭtoroj, ekz. Rowid en „Lernejo krea", 1926, kaj en „Sistemo Daltona en la popola lernejo", Gorzycka-Wielezyńska en „Lernejo de laboro memevolua", 1927, R. Taubenszlag en „Pri unuflankeco de certaj eksperimentoj pedagogiaj de nuntempa epoko", 1930, kaj en „Kritika ekspozicio de principoj de la laborlernejoj de John Devey", 1929.

La penadon kaj la direkton de la pola instruado priskribas libro de W. Radwan: „La postuloj de la lernejorganizacio de la Pola Respubliko." La leĝoj lernejaj estas kolektitaj de F. Śliwiński.

Signaldiro de nuntempa pedagogio pola estas, ke la lernejo devas ne nur instrui, sed ankaŭ eduki. Estiĝis do tuta literaturo pri demandoj pure edukaj. Nomindaj estas la libroj de J. Korczak, ekz. „Momentoj edukaj" (Ankaŭ la rakontoj por infanoj de tiu ĉi aŭtoro enhavas multon, en kiu la pedagogo povas trovi indikojn por laboro eduka), — de F. Śliwiński: „La influado eduka sur la junularon en aĝo lerneja," — de F. Bornholz: „La organizacio de la laboro eduka."

La memadministrado de la lernanta junularo estas demando, je kiu la pola mondo pedagogia vive sin interesas. Aperis ankaŭ libroj traktantaj tiun ĉi demandon.

Oni skribis ankaŭ pri literaturo junulara, pri bibliotekoj lernejaj ktp. Plej grandan signifon posedas libroj metodike-didaktaj, kiuj sin apogas sur la rezultatoj de l' esploradoj psikologiaj kaj de la sperto. Ili aperas grandnombre,

oni do ne povas citi ilin tie ĉi. Grandan sukceson havas la „Metodiko de l' instruado en la unuaj jaroj lernejaj" de L. Jeleńska, „Didaktiko de l' historio" de H. Pohoska, „Metodiko de l' instruado de geografio" de Mścisz, „La indikoj metodikaj al instruado de pola lingvo" de Wojciechowski kaj de Szober.

Instruado de plenkreskuloj estas grava problemo en Pollando, tial ekzistas speciala literaturo dediĉita al tiu ĉi afero.

Pola preso pedagogia estas sufiĉe nombra kaj diversspeca.

Mia artikolo ne povas elĉerpi la temon kaj ne enhavas ĉiujn laborojn pedagogiajn. Daŭre aperas novaj, ĉar la pedagogoj polaj serĉas konstante novajn vojojn.[1])

---

## Sciu „perdi tempon".

De D-ro Ad. Ferrière, Ĝenevo.

Oni multe parolas pri trolaborigo. Ĉu ne estus pli ĝuste diri: neoportuna laborigo? Okazas ke iu trolaboras, en ĝojo de kreanta penado, en fajro de iniciato, de intensa agado libere konsentita. Li ne malsaniĝas. Ege fleksebla, la organismo adaptiĝas. Ĝi sekvas la ritmon, kiun la spirito altrudas al ĝi. Ankaŭ okazas — kaj eĉ multe pli ofte — ke iu liveras ĉiutage laboron, laŭŝajne ne troa, sed ke li faras ĝin kun enuo, ĉar tiu laboro estas altrudita al li kontraŭ lia volo, ĉar li vidas nek ĝian celon nek ĝian finon, ĉar li konsideras ĝin kiel tedaĵon, pezan balaston, videblan signon de sia sklaveco, ĉar ĝi enpremas sur lia spino la ruĝan feron de senespero. Tiu homo malsaniĝas. Tio estas preskaŭ fatala. La konsultita kuracisto iel diagnozas. Li vidis la simptomon. Ĉu li ekvidis la kaŭzon? Se la homo estas juna, li posedas en si mirindan kapablon por rezisti. La defendaj, nekonsciaj reagoj — kiujn, en la pedagoga mondo, oni nomas „mallaboremo" — estas subpremataj; la intelekto, falsigita per troa kaj tro frua abstraktigado, cedas, la korpo ankoraŭ kontraŭstaras. Kiam ĝi, siavice, malstreĉiĝas, kiel pafarko tro longe streĉita, tiam malsano preskaŭ ne plu estas evitebla. Tuj kiam neŭrastenio alproksimiĝas, multiĝas la simptomoj de malbonfarto. „Endokriniaj*) mankoj" diras la kuracisto . . . Kaj li ordonas medikamentojn kaj ripozon.

Ne estas nun nia tasko, plian fojon ataki la malnovan lernejon, nek montri la avantaĝojn de raciigado: raciigado de programoj kaj de lernejaj metodoj. Sed oni neniam sufiĉe akcentos la veron enhavatan en jena paradokso de J. J. Rousseau:

„Scii — en taŭga okazo — perdi tempon, signifas gajni ĝin."

— „En taŭga okazo." Jen la kerno de l' problemo. Tiu vorto ne estas de J. J. Rousseau, sed li certe pensis ĝin. Oni permesu al ni, zorge diserigi tiun tuton, ŝajne senharmonian: „Perdi . . ., signifas gajni . . ."? Por kom-

---

[1]) Raportoj pri pedagogia movado kaj literaturo enhavas Jarlibro Pedagogia (Rocznik Pedagogiczny) aperanta konstante en Varsovio.

*) Endokrinio = glanda sekrecio internen direktata. K. R.

preni tion, necesas, antaŭ ĉio, precizigi ĉion, kio kaŝiĝas sub la vorto „tempo“.

1. **Tempo.** — Ne temas pri simpla kaj nura daŭro, pri malplena daŭro, se oni povas tiel diri; ankoraŭ malpli pri abstrakta tempo, pri la litero **t** uzita en algebraj formuloj. Gajni tempon, tio estas vivi pli intense, pli utile, pli efike. Tiom longe kiom efiko, utilo kaj intenso marŝas kune — estas kvazaŭ sinonimoj, reprezentas simple diversajn aspektojn de konkreta kaj vivanta realo — neniu problemo stariĝas. Esti, kaj devi esti, daŭrigas unu alian. Sed, se estiĝas konflikto, se fendo aperas, tiam necesas ke oni elektu. Intenso povas ekzisti en neutila agado. Utila agado povas ekzisti kun minimuma intenso. Povas esti utila agado ĉe detala punkto, ne influante la suman efikon.

Ĉi tie, supera kritero devas interveni. Geneza psikologio montras ĝin al ni. En biologio, en fiziologio, en psikologio, ni vidas la vivon ĉiam procedi kvazaŭ ĝi celus konservi, aŭ pliigi la energion de l' individuo aŭ de la raso — escepte en la kazoj, kiam raso kaj individuo, prave aŭ neprave, konsideras siajn interesojn kiel reciproke kontraŭstarantajn.

En psikologio, speciale, la formulo estas: konservado kaj pliigo de spirita energio (senteco, intuicio, racio, volo**]). La centmiloj da eraroj kiuj en abismon ĵetas la homojn, viktimojn de duona scienco, de duona racio — duon-frenezaj, duon-prudentaj, kiel D-ro Grasset nomis ilin — ne malkonfirmas tiun profundan emon de ekvilibritaj homoj al konservado kaj pliigo de sia harmonio, pere de siaj energio kaj spirito.

Tio donas do al ni ŝlosilon, en kazo de interna konflikto. Kiam ni hezitas inter intenso de ago kaj ĝia efiko, inter urĝeco de iu ago kaj boneco de alia, ni ĉiam ree turnu nin al la fundamenta kriterio: kiu el tiuj konfliktaj agoj kondukos nin al konservado aŭ al pliigo de la entuta povo de nia spirito?

Ni insistu je la tiom aktuala ideo pri „entuteco“. Hieraŭa psikologio procedis per analizoj, per apartigoj; el ili eltiritaj psikagogio kaj eduko procedis per apudmetado de elementoj — ĉion konsiderante — heterogenaj. Nuna geneza psikologio, same kiel multaj filozofoj kaj saĝuloj de l' antikvaj epokoj mezmara kaj hinda, substrekas la fakton, ke „ĉio estas en ĉio“; ke la „mikrokosmo reflektas la makrokosmon“, kaj ke nenio en nia organa aŭ spirita estaĵo ŝanĝiĝas, ne ŝanĝigante, samtempe kaj re-efike, la tutan estaĵon. Tiu fakto estas ilustrata per la reciproka influo de la endokriniaj glandoj, pri kiuj oni nun tiom multe parolas, kaj ĉiam plu ankoraŭ pli parolos. Pli bone ankoraŭ ĝi estas ilustrata per la novaj kaj tiom kuriozaj spertoj, rilataj al la homaj vibroj. Povus esti, ke ĉiu endokrinia glando estus simila al magneto, kies variebla magneta kampo havas, el distanco, sur la plia organismo — kaj, kelkafoje, ekster la limoj de l' organismo — influon similan al tiu de radiotelefonio.

2. **Gajni.** — Gajni tempon. Laŭdinda afero. Afero utila, preskaŭ ĉiam; afero danĝera, kelkafoje. — Kiel? Danĝera? — Certe! Jen ekzemplo: sur ekonomia kampo, la nuna krizo estas parte kaŭzita, tiel oni diras, de raciigo kaj de troa produktado. Oni gajnis tempon, oni tro gajnis tempon. En la samajn templimojn oni enkondukis intenson de vivo, aŭ, pli precize, dekobl-

---

**) La problemo pri la entuteco de l' spirito, aŭ, pli bone dirite, pri ĝia unueco, prezentas metafizikan aspekton, kiun mi ne intencas ektrakti ĉi tie.

igitan efikon de agado. Rezultoj? Unue, por la iniciatantoj, plia produktado, plia gajno; poste, apero de imitantoj; fine, kiel logika sekvo, troa saturado de l' merkato.

Alia ekzemplo: la instruado en niaj lernejoj pliampleksiĝas laŭ la surfaco je malavantaĝo de la profundeco. Estas ĉiam pli da aferoj lernendaj, kaj oni scias ĉiam malpli. Oni volis gajni tempon, utiligi ĝis maksimumo la lernejan tempon, ŝarĝi ĝis maksimumo la memoron de l' lernanto. Rezulto: Oni troŝarĝis ĝin. La kvanto de scio malutilas al la kvalito. La efikeco de studado suferas pro tio. Oni formas sciulojn — aŭ kvaronajn sciulojn — kaj tion farante, oni forgesas formi homojn, tute simple.

En ambaŭ kazoj, oni volis gajni tempon, kaj oni perdis ĝin. En ambaŭ kazoj, oni cel-vidis partan rezulton, kaj oni ne plu vidis la entutecon. La ekonomia krizo estos solvebla nur kiam oni pensos ne plu konforme al unuopa entrepreno, al kartelo, al trusto, eĉ ne al nacio konsiderata kiel mistika korpo envolvita en spacaj limoj, — sed al homaro. Tiurilate, la Ligo de Nacioj kaj la Internacia Labor-Oficejo estas, — aŭ, almenaŭ, devus esti — la organoj de tiu „entuteco".

Ĉe edukado, tiu danĝero — gajni tempon je malavantaĝo de la „entuteco" — ĉesas nur kiam oni demandas al si: „Kio konservas aŭ pliigas la energion de niaj infanoj, energion de ilia korpo kaj energion de ilia spirito, energion de ilia organismo, metita je la servo de l' energio de ilia spirita vivo „entuteca"? Kio, en la horaroj, metodoj, programoj, ekzamenoj, disciplinaj rimedoj, pretekstante disvolvigi tiun aŭ alian flankon de l' infanoj, malutilas al ilia ekvilibro kaj al harmonio de ilia personeco?"

3. **Perdi.** — Perdi tempon. Kondamninda afero. Afero malbona, preskaŭ **ĉiam**; afero utila, kelkafoje. — Kiel do? Utila? — Certe! Pro tio, ke ekzistas erara maniero klopodi gajni tempon — t. e. forgeso de la „entuteco" —, **devas** ekzisti fruktodona maniero „perdi" tempon. Ĉu ĝi eble ne estas precize la fakto, ke oni sin turnas al tiu „entuteco"? Ĉar tiu „entuteco" ne estas senmova. Vivo estas M o b i l i s i n m o b i l e (mova estaĵo en mova medio), kiel la N a u t i l u s (nomo de submara ŝipo, en romano de l' fama franca verkisto Jules Verne). Vivo estas kreskado. Ĉiu kreskado obeas al leĝoj. Ni ne povas modifi tiujn leĝojn, nek la ritmon, kiun ili donas al kreskado de estaĵoj. Tro frue fortranĉi la voston de ranido, ne helpas al ĝia transformado je rano, prave diris D-ro Edouard Claparède. Maturanta greno obeas al leĝo de sezonoj; eĉ kemia sterko estas nur plia nutrado, aldonata al tiu de la tero.

Ankaŭ fiziologio obeas al internaj leĝoj. Ĉiam plu kaj plu, moderna medicino revenas al la ideo de Hipokrato: „Oni helpas al naturo, nur obeante al ĝi." Tio estas la ideo de naturkonforma medicino, estas la ideo de homeopatio. Forigi simptomon de malsano, ne atinginte ĝian fonton, tio estas devigi la malsanon trovi alian eliron, kelkafoje pli malutila ol la unua.

Ĉe pedagogio, Aktiva Lernejo[1]) baziĝas sur sama principo. Geneza psikologio montris la fakton, ke instinktoj, sentecaj tendencoj kaj spontaj interesoj estas kvazaŭ daŭrigo unu de aliaj. Ili estas funkcio de la entuteco. Tio ili estas en ĉiu aĝo. Ĉiu aĝo, elfaritaĵo de l' antaŭa aĝo, preparas la sekvontan

---

[1]) Vidu: Ad. Ferrière, „Estonta Eduko", Eldona Servo de U. E. A., Ĝenevo, 1929.

aĝon. Ĉiu krizo en kreskado estas rompado de harmonio. Ĉiu sponta penado estas klopodo restarigi harmonion sur nova kaj pli larĝa bazo. Escepte ĉe estuloj momente aŭ neripareble senekvilibritaj, tiu penado estas funkcio de la entuteco.

Jen la bazo de nova eduko. Ekkomenci ĉe la profundaj, spontaj interesoj; respekti la penadojn instigitajn de tiuj interesoj — ĉar vera intereso naskas spontan penadon, kaj penado vera, efika, fruktodona, siavice pliigas la intenson de l' intereso; — „centrigi" la infanon, t. e. helpi, por ke lia „entuteco" (senteca vivo, intuicia vivo, racia vivo, libervola aktiva vivo) estu enhavita en lia penado al progreso; — fine, igi tiun progreson konsisti (tio ĝi nature estas, ĉe sukoriĉaj naturoj) el konservado kaj kreskado de spirita energio, — jen, en sia ekstrema teoria simpleco, sed ankaŭ en sia senfina praktika multflankeco, la esenco de moderna eduko, de ĉiu eduko inda je tiu nomo.

4. **Celo** kaj **elekto de rimedoj.** — Oni komprenis, ke „perdi sian tempon" respektante la malrapidan kreskadon de l' vivanta estulo, respektante la naturajn leĝojn kiuj aperas en li, tio signifas, finfine, sin deteni de malĝustatempaj, malutilaj intervenoj, kiuj detruas la ekvilibron kaj la harmonion de tia „entuteco", kia estas vivanta estulo. Celo estas do, forigi la malhelpaĵojn, kaj fine, gajni . . . ; gajni tempon? Ne: sed gajni vivon, gajni vivan kaj konkretan enhavon de tempo, rilatan al ĝia esenca valoro.

Malpliigante la proporcion de senutilaj penadoj, — de tiuj de gepatroj, de instruistoj, eĉ de infanoj, — oni lasas okazon por utilaj penadoj. Tio ne signifas, ke oni restas kun krucitaj brakoj. Sed, ĉe egalaj rezultoj, oni elspezos malpli da penadoj, kaj, ĉe egalaj penadoj, oni atingos pli bonajn rezultojn.

Se nur oni volus, en ĉiu okazo — disciplino, horaroj, programoj, metodoj — havi antaŭ la okuloj la finan celon: konservado aŭ pliigado de la tuta povo de l' infana spirito; kaj se oni elektus la rimedojn konforme al tiu celo, tiam oni tute nature realigus la formulon de bone komprenita ekonomio: atingi plejeble multajn efikojn, je plejeble malmultaj, senutilaj penadoj. Kaj tiel, ni plue savus korpon kaj animon de niaj infanoj.

De niaj infanoj; per ili, de la nacio; per la nacio, de l' homaro.

Ĉu tio estas tro malmulte?

Benjamin Kidd, en „Science and Power" (Scienco kaj Povo) diris: „Donu al mi la Edukon; en tridek jaroj mi modifos la aspekton de nia planedo!"

Ho jes! se ne estus . . . la antaŭjuĝoj de tro multaj gepatroj, kaj ankaŭ de kelkaj instruistoj!

---

# Eduko kaj pedajo.

### Kvina letero.

Kara kolego, kara kolegino!

(1) Bonvolu pardoni min, ke malico de l' objekto starigas baron kontraŭ mia penado, skribi tute simplan stilon.

(2) Mi estas devigata, formi kelkajn novajn esprimojn. La socian medion de juna homo mi nomas lia edukmondo. Li estas edukita, kiam lia tuta konduto estas konforma al la ĝeneralaj kutimoj kaj opinioj de lia edukmondo, ali-

vorte: kiam liaj kutimoj kaj opinioj estas sufiĉe similaj al la moroj de l' medio.

(3) Ni diferencigu du dimensiojn de nia edukmondo: surfacon kaj profundon. La surfaco de nia edukmondo konsistas el nuntempe regantaj moroj. Ĝia profundo entenas vivoformojn, kies pluan konservon oni opinias necesa; al ili apartenas ekz. teknikaj eltrovaĵoj, higienaj reguloj, monogamio, sociaj etiketoj, pedagogiaj institucioj, artaj verkoj, esprimaĵoj de religia sento, juro, ŝtata konstitucio, filozofiaj verkoj, sciencaj metodoj. — Unue tiaj bonoj ne ekzistis en reala mondo, sed estis nur postuloj.

(4) Juna homo estas taŭge edukita, kiam li ekkonis la bonojn de sia medio kaj kapablas, tiel ŝati la bonaron kiel oni ŝatas ĝin en lia socio. En mala kazo lia edukiteco ne estas taŭga.

(5) Eĉ sur evolua ŝtupo relative frua vivis homoj, kiuj kuraĝis, alie konduti kaj opinii ol „oni". Ofte socio punis tian homon kiel krimulon (ekz. Sokrates), sed posteuloj nomis pioniro lin.

(6) La tuton de ideoj kaj idealoj de tiaj pioniroj ni nomu valormondo. Al ĝi apartenas teknikaj problemoj, postuloj je saneca vivmaniero, plihomecigo de seksa vivo, plibeligo de libertempa kunvivado, pliplenigo de individua homeco, aspiroj al beleco, al plej alta beato, idealoj de memregado laŭ konscienco, idealoj de justeco, provoj je akiro de filozofia mondkompreno, sciencaj problemoj. La tuton el bonaro kaj valormondo ni nomu kulturmondo.

(7) Kiam juna homo ekkonas kaj ekŝatas bonojn de sia kulturmondo kaj levas sian animon al la valorformoj, tiam li formadas sin je pliplenigo de sia individua homeco, alivorte: li „pedajas". — Pedajo do estas io esence alia ol eduko.

(8) Procedo de pedajo nur estas ebla ene de kulturmondo. La pedajmondo de homo estas parto de lia kulturmondo. Juna homo ne kapablas transiri la limon de sia samlingva socio; nur matura homo povas iom plivastigi sian pedajmondon transe de tiu limo. Ni plene rajtas, diri pri eŭropa pedajmondo, ekz. de Goethe. La kulturmondoj de la eŭropaj nacioj parte penetriĝas. Tamen juna homo nunepoke trovas panon por sia animo nur en kultursocio de sia gepatra lingvo.

(9) La pedajmondo de unuopulo estas pli malgranda ol la kulturmondo de sia nacio. Nur tre malofte plivastigas geniulo en pluraj rilatoj la valormondon de sia socio. Ĉiuj geniuloj de nacio kune pligrandigis kaj pligrandigos la radion de ilia kulturmondo. Estas necese, ke multaj el la juna generacio ĉiam denove spirite akiras la pedajmondojn de la pioniroj, alie la kultura stato iĝas pli malriĉa.

(10 Mi elektas por la ideo de sinformado al pli plena individua homeco la nomon „pedajo" laŭ greka vorto „paideia". La praradikon jam enhavas la Esperanto-vortoj pedagogo, pedagogio kaj pedologio. Kiuj aliaj popoloj formis el la radiko de vorto por „infano" la vorton por sinformado (= pedajo) al pli plena homeco, kiel la antikvaj grekoj el la radiko paid- (infano) la vortojn paideia, paideuma, paideusis? Tre kore petas respondeton

via Kurt Riedel.

*Nacioj ne estas aroj de lupoj mordantaj unu la alian pro akiraĵo, sed amasoj de homoj, destinataj ĉiu siamaniere kunlaboradi je la progreso de la sama homaro . . .*
*En la volo homa sidas la eterna ĝermo de mirindaĵoj. Stanislao Szczepanowski.*

# La instruado en Pollando.

De D-rino Janina Ender, Pabjanice (Pollando).

Grava laboro estas plenumita dum la unua jardeko de l' ekzistado de Pollando sendependa.

La ministreco de Konfesioj Religiaj kaj Klerigo Publika konsistas el 6 departamentoj kun 21 fakoj kaj fako aparta de ŝtataj arĥivoj:

1. ĝenerala kun fakoj prezidanta, leĝa, budĝeto-kalkula, de arĥitekturo lerneja, de fizika edukado kaj higieno lerneja kaj raporta,
2. de lernejoj ĝenerale edukantaj kun fakoj de lernejoj unuagradaj, lernejoj mezaj edukantaj instruistojn, organizacie-programaj, kaj de l' edukado kromlerneja,
3. de lernejoj profesiaj kun fakoj teknika, kompletiga instruadon profesian, de lernejoj komercaj, de instruado profesia de virinoj kaj de kompletiga instruado profesia de virinoj,
4. de scienco kaj lernejoj pli altaj kun fako de scienco kaj fako de lernejoj pli altaj,
5. de arto kun fako de artoj plastikaj kaj de antikvaĵoj kaj de fakoj literatura, muzika kaj teatra,
6. de konfesioj religiaj kun fakoj de konfesio roma-katolika, de konfesioj kristanaj-nekatolikaj kaj de konfesioj nekristanaj.

Estro de ĉiu departamento estas direktoro, fakojn direktas fakestroj. Estro de departamento ĝenerala estas la Subsekretario Ŝtata, kies sferon de agado difinas la ministro de K. R. kaj K. P. La ministreco de Konfesioj Religiaj kaj Klerigo Publika ampleksas administracie la tutan terenon de la Respubliko krom la vojevodeco Silezia, kies lernejaron direktas la vojevodo Silezia per sia organo, la Fako de Kulturo Publika.

De la ministerio de K. R. kaj K. P. kiel de la plej alta instanco dependas Kuratorioj de regionoj lernejaj kiel administraj lernejestraroj de dua instanco. Ekzistas nun dek Kuratorioj lernejaj.

Krom tio kiel estraro de dua instanco ekzistas speciala vizitatoro de la Liceo en Krzemieniec (Kĵemieniec) kun atribucio de kuratoro de regiono lerneja, kaj la jam supredirita fako de Kulturo Publika ĉe la vojevodeco silezia.

La estraroj duainstancaj administras lernejojn unuagradajn, instituciojn edukantaj instruistojn, mezajn lernejojn ĝenerale klerigantajn kaj lernejojn fakajn unuagradajn kaj mezajn. La unua instanco lernejestra estas inspektorecoj administrantaj lernejojn unuagradajn. La nombro de inspektoroj estas 278.

Inspektadon de lernejoj superaj kaj artistaj (muzikaj, plastikaj, dramaj) plenumas la Ministerio senpere.

Kio tuŝas la elspezojn, la ministerio de K. R. kaj K. P. okupas la duan lokon en la budĝeto kaj dum la unua dekjaro ili konstante kreskadis en la unua kvinjaro 2,8%, en la sekvanta kvinjaro 14—16% de la ŝtataj elspezoj.

La elspezoj kultur-lernejaj de la Ŝtato kaj de la komunumoj kompletigas unuj la aliajn, kio decide influas la karakteron de tiuj ĉi elspezoj. Speciale la budĝeto de la Ministerio estas superpezante persona. La elspezoj personaj dum la lasta dekjaro estis 81 ĝis 92%, ĉefe por la salajroj de instruistoj. Elspezoj por la bezonoj objektaj administraciaj faris 9—13%, por la arĥitekturo lerneja 2—5%. En kelkaj fakoj de la edukado lerneja la elspezoj objekta-administraj estas pagataj entute el la budĝeto ŝtata, nome por la lernejoj pli altaj, por la institucioj de edukado de instruistoj, por la lernejoj fakaj kaj artistaj, en kiuj ili atingas 20—30% de ĝeneralaj elspezoj jaraj.

### Edukado antaŭlerneja.

De la unua momento, kiam Pollando akiris sendependecon, oni komprenis la bezonon kaj la profitojn rezultantajn de l' etendado de la zorgo eduka sur la infanon en specialaj institucioj antaŭ lia eniro en lernejon.

Antaŭlernejoj ekzistis en Pollando de la jaro 1840 sub formo de infan-aziloj fonditaj de la Varsovia Societo de Bonfareco. La kondiĉoj politikaj de la lando ne permesis tamen disvolvon de tiu ĉi institucio laŭ racia principo de edukado nek en ĝusta tempo. Granda fortostreĉo materia, kiun postulis enkonduko de ĝenerala instruado, ne ebligis al la ŝtata estraro disvolvi pli vastan agadon organizan sur tiu ĉi kampo.

Oni limigis sin al organizado de kelkaj institucioj modelaj kaj al kaptado en proprajn manojn la formadon de la personaro eduka, atendante pluan iniciativon de la pola socio kaj de la institucioj komunumaj.

Kvankam la nombro de la antaŭlernejoj en Pollando ne sufiĉas ankoraŭ, tamen la evoluo en tiu ĉi direkto estas konstanta kaj neneigebla, kion montras sekvanta tabeleto:

**Nombro de la antaŭlernejoj**

| En la jaro | en Varsovio | en Pollando entute | Nombro de edukatoj |
|---|---|---|---|
| 1903 | 30 | 100 | — |
| 1921 | ĉirkaŭ 100 | 631 | — |
| 1926/27 | 75 | 1185 | 66 603 |
| 1927/28 | 92 | 1430 | 83 912 |

Tiuj ĉi nombroj ne respondas al la bezono, sed estas rimarkinde, ke la antaŭlernejoj eniris racian vojon edukan. Laŭgrade ili perdas karakteron de aziloj por infanoj malriĉaj kaj prenas formon de institucioj edukaj kondukataj laŭ indikoj de la nuntempa scienco pedagogia.

La antaŭlernejoj posedas arojn da helpiloj instruaj (por ekzercoj sentaj, lingvaj, ciferaj kaj de lerteco), ilojn por manlaboro, por movaj ekzercoj kaj ludoj, donataj al ĉiu infano konforme al grado de ĝia disvolvo kaj aĝo.

Grandan atenton oni turnas sur la edukadon fizikan, ampleksanta higienon personan, ekzercojn movajn, alnutradon, ludojn en freŝa aero, kontrolon kuracistan, evoluon fizikan, kaj ankaŭ sur la edukadon estetikan, kanton, dancon, muzikon, ritmikon, desegnadon kaj modeladon.

Por plenumi la taskojn postulatajn de la antaŭlernejo necesaj estas multaj perfektaj edukistinoj. Por prepari tiujn ĉi rezervojn servas sep seminarioj registaraj kaj sep privataj kaj komunumaj.

Krom objektoj ĝeneralaj la programoj de tiuj ĉi seminarioj ampleksas sekvantajn objektojn specialajn: higieno infana, la scienco pri la infano, historio de l' edukado, metodiko de l' edukado antaŭlerneja, kanto, desegno kaj ekzercoj korpaj por malgrandaj infanoj.

La edukatinoj de l' seminarioj hospitas en la t. n. antaŭlernejo de ekzercoj servanta kiel tereno de laboro praktika, kaj plenumas zorgon kaj kontrolon je la sanstato de l' infanoj sub la direkto de kuracisto lerneja kaj en sanulejoj infanaj. La kandidatinoj estas akceptataj kun la atesto de absolvita 7-klasa lernejo ĝenerala, kaj esplorataj en vidpunkto de ilia sano kaj laŭcela taŭgeco. La kurso daŭras du jarojn, en seminario varsovia tri jarojn.

### Lernejoj unuagradaj.

De la unua momento, kiam Pollando regajnis la sendependecon, lernejoj unuagradaj estas gvidataj laŭ modernaj celadoj konforme al bezonoj sociaj kaj pedagogiaj. La dekreto de 7. februaro 1919 enkondukas la devon de deviga, senpaga instruado ampleksanta la sepjaran lernejon unuagradan por ĉiuj infanoj de la 7-a ĝis 14-a jaro de l' vivo.

La realizado de tiu ĉi ĝenerala devo progresis kompreneble laŭgrade kaj negalmezure en diversaj terenoj. Nombro de infanoj lernantaj kompare al la nom-

bro de infanoj en la aĝo de devo lerneja ĉiujare pligrandiĝas. En la jaro 1927/28 ĝi faris 92,7%, en la jaro 1928/29 95.3%. En tiu ĉi lasta jaro ekzistis en Pollando 25 170 tiaj lernejoj kun 67 819 instruistoj kaj 3 359 328 lernantoj, t. e. preskaŭ 50 lernantoj sur unu instruisto.

Realizadon de la devo lerneja faciligis la cirkonstanco, ke nombro de la infanoj 7—14-jaraj malgrandiĝadis de 1921/22 ĝis 1927/28. Sed de tiu ĉi lasta jaro ĝi rekomencis kreski. Tio postulas disvolviĝon de larĝa agado kaj fortostreĉo. Por tute realizi la ĝeneralan devon lernejan dum plej proksimaj 20 jaroj, oni bezonos konstrui pli ol 100 000 ĉambrojn por la estontaj lernejoj, kio kostos ĉirkaŭ tri miliardojn da zlotoj.

La komunumoj havas la devon konstrui lernejojn unuagradajn, la ŝtato donas helpon en formo de subvencioj kaj pruntodonoj al komunumoj ekonomie pli malfortaj.

Por unuformigi la normojn de la konstruaĵoj la ministerio de K. R. kaj K. P. ellaboris kaj eldonis prese „Projektojn de konstruaĵoj de lernejoj unuagradaj". Laŭ la nombro de infanoj loĝantaj en la distrikto la leĝo pri fondado kaj kondukado de publikaj lernejoj unuagradaj de 17 februaro 1922 fondas lernejojn de diversa grado organizacia:

por

40—60 infanoj la lernejo estas 1-klasa kun 1 instruisto;

61—100 infanoj la lernejo estas 2-klasa kun 2 instruistoj;

101—150 infanoj la lernejo estas 3-klasa kun 3 instruistoj;

ktp.

Tendenco de supredirita leĝo estis loki la lernejojn ne tro dense, sed certigi la instruadon al pli grandaj aroj da infanoj en aĝo lerneja, por tiel atingi eble plej altan gradon administran. Konsekvenca agado de la lernejestraro celas transformi lernejaron malalte organizatan je alte organizata per unuigado de lernejoj proksime sin trovantaj. En urboj tio ĉi jam estas atingita kaj laŭgrade oni ĝin faras ankaŭ en vilaĝoj.

En la jaro 1927/28 ĉirkaŭ 31% de ĉiuj infanoj estis instruataj en lernejoj sepklasaj. De ĉiuj 25 149 lernejoj unuagradaj 2328 estis sepklasaj.

Faktoroj sociaj ludas grandan rolon en la organizado de la lernejoj aperante kiel konsilantaro lerneja distrikta kaj regiona, aŭ kiel zorgantaro. Ilian personaron kaj kompetentecon reguligas leĝoj kaj regularoj.

Kio koncernas la instrumetodojn, la juna lernejeco en Pollando distingiĝas per manko de malutila rutino kaj ostiĝo, kontraŭe ĝi adaptas la plej novajn akiraĵojn de la didaktiko. La lernejo zorgas egalmezure pri klerigo kaj pri edukado de siaj lernantoj por ke ili fariĝu utilaj anoj ne nur de propra lando, sed ankaŭ de la homaro entute.

Kio koncernas la instruoprogramojn, la kurso de la V, VI kaj VII klaso de la lernejo ĝenerala respondas al la kurso de la I, II kaj III klaso de la mezaj lernejoj.

Krom „publikaj" lernejoj ĝeneralaj ekzistas samtipaj lernejoj privataj kaj lernejoj je karaktero speciala. Al la lasta grupo apartenas:

1. lernejoj fakaj kun tri klasoj kiel en la ŝtataj lernejoj unuagradaj kaj tri klasoj pli altaj, do kune kurso 6-jara;
2. lernejoj ĝeneralaj kun kurso plilongigita je unu aŭ du jaroj;
3. lernejoj „de ekzercoj" apud la seminarioj instruistaj, pli liberaj en la programo, en la elekto de instruistoj kaj apartigitaj administracie;
4. lernejoj „specialaj" destinataj al klerigado kaj edukado de infanoj malnormalaj t. e. surdamutaj, blindaj, intelekte ne disvolviĝintaj kaj morale neglektitaj.

Entute lernejoj ĝeneralaj privataj kaj je karaktero speciala estas nemultaj. En 1925/26 lernejoj ĝeneralaj publikaj estis 25 967, privataj 1071, lernejoj specialaj publikaj 246, privataj 52.

Lernejoj specialaj postulas apartan organizacion tiel pro sia karaktero kuraca pedagogia kiel pro preparo de instruistoj, programoj kaj metodoj de instruado kaj edukado.

Gravan rolon en tiu ĉi direkto plenumas fondita en 1921 en Varsovio Ŝtata Instituto de Pedagogio Speciala, kiu preparas instruistojn por la supredirita kategorio de lernejoj. La kurso de la Instituto estas unujara. Kiel aŭskultantoj estas akceptataj instruistoj de lernejoj unuagradaj kun praktiko almenaŭ dujara. Tiuj ĉi instruistoj ricevas pagatan forpermeson por tiu ĉi studado. La instituto staras sur alta nivelo scienca kaj estas unu el la malmultenombraj tiaspecaj lernejoj en Eŭropo.

### Mezaj lernejoj ĝenerale edukantaj.

Ŝtataj mezaj lernejoj instruantaj en pola lingvo ekzistis antaŭ la milito nur en la aŭstra landparto de Pollando (78 gimnazioj). En aliaj landpartoj polaj funkciadis, krom ŝtataj lernejoj instruantaj en ŝtata lingvo, en rusa landparto lernejoj privataj polaj. Gravan rolon en la renaskiĝo de la pola meza lernejaro ludis la lernejoj en la estinta Kongres-Pollando, akirintaj en la jaro 1905 la rajton de ekzistado.

La pola registaro heredis de la okupantoj grandan diversecon de organizacio kaj rilatoj, kiun oni devis forigi por unuformi la instruadon kaj inspiri novan penson edukan konforme al la nova situacio kaj bezonoj de la popolo. Tiu ĉi tasko postulis grandan fortostreĉon organizan, laboron science-programan kaj elspezojn materiajn. Faciligas la taskon subtenado de plejmulto de lernejoj mezaj ne per la ŝtato, sed per la komunumoj, institutoj sociaj kaj personoj privataj.

Lernejoj neŝtataj povas ricevi rajton de gimnazioj ŝtataj plenan aŭ neplenan konforme al siaj niveloj. Lernejoj ne respondantaj al la postuloj ne ricevas tiujn ĉi rajtojn.

La klasifiko de la lernejoj ĉu ŝtataj, ĉu neŝtataj kun diversaj rajtoj estis en 1927/28 jena:

| Entute | Ŝtataj | Neŝtataj kun plenaj rajtoj | Neŝtataj kun neplenaj rajtoj | Neŝtataj sen rajtoj |
|---|---|---|---|---|
| 794 | 270 | 128 | 290 | 106 |

Jen ilia klasifiko sub tiu ĉi vidpunkto:

| | Entute | Lernejoj ŝtataj | Lernejoj komunaj | Lernejoj privataj |
|---|---|---|---|---|
| Nombro de lernejoj | 794 | 270 | 65 | 459 |
| de klasoj kun klasoj paralelaj | 7 356 | 3 106 | 511 | 3 739 |
| de lernantoj | 209 194 | 102 226 | 13 733 | 93 235 |
| Knaboj | 130 840 | 81 823 | 7 349 | 41 668 |
| Knabinoj | 78 354 | 20 403 | 6 384 | 51 567 |

Organizacio normala de ŝtata meza lernejo aŭ gimnazio estas jena:

1. La tuto konsistas el 8 klasoj;
2. La tri malaltaj klasoj I, II kaj III formas nediferencigitan subkonstruon nomatan pli malalta gimnazio;
3. La kvin plialtaj klasoj IV—VIII formas la t. n. gimnazion pli altan diferencigitan je fakoj
   a) matematika-naturscienca sen lingvo latina,
   b) humanista (kun lingvo latina),
   c) klasika (kun lingvoj latina k. greka).

La diferencigo de la gimnazio pli alta je fakoj estas bazita sur principoj didaktikaj. Tial ĉefaj objektoj estas

a) por la fako matematika-naturscienca: matematiko, fiziko, ĥemio, kosmografio kaj naturscienco,
b) por la fako humanista: lingvo pola, historio kaj lingvo latina,
c) por la fako klasika lingvoj latina kaj greka kun la kulturo klasika.

Plej disvastigita tipo de gimnazio estas fako humanista, ĉirkaŭ $^{2}/_{3}$ de ĉiuj.

Direktivo por la programoj de la lernejoj ŝtataj estis celado, ke la laboro de la lernanto fariĝu ĉiam pli fundamenta kaj

profunda kaj ke li evitu senprecizecon kaj verbalismon. Por realizi la bazon didaktan servantan al tiu ĉi celo onj forigis kelkajn objektojn kaj partojn aliajn oni kunigis kun aliaj.

La programoj ministeriaj estas devigaj por la gimnazioj ŝtataj, la lernejoj neŝtataj povas diferenci, sed por doni la rajton de gimnazio ŝtata, onj konsideras la valoron de la programo de la lernejo. Kio tuŝas la instrumetodojn, konforme al la plej profunda fluo de la monda penso didaktika, oni opiniis tre grava kaj fundamenta la principon de laboro plej eble memstara de la lernanto. Krom la fortoj spiritaj la instruado devas ekzerci kaj perfektigi sisteme ankaŭ la fortojn fizikajn kaj moralajn, esti instruado ne nur disvolvanta, sed ankaŭ edukanta.

La ŝanĝoj kaj la progresoj en la metodoj de instruado kaj edukado kaŭzis ĉiam riĉigon de la lernejoj je laborejoj, desegnejoj, kolektoj de instruiloj, bibliotekoj, gimnastikejoj, ĝardenoj lernejaj ktp.

Ekzemple la nombro de la ĝardenoj lernejaj estis en la jaro 1918 apenaŭ 27, en la jaro 1927 jam 133.

En la konstruado de mezaj lernejoj la Ministerio ne povis atingi grandajn rezultatojn pro malfacilaĵoj financaj kaj pro nepreco elspezi antaŭ ĉio je lernejoj unuagradaj.

Lernejoj profesiaj.

En la tempo de mallibero la landoj polaj estis preskaŭ senigitaj de tiel potenca faktoro de kreskado de la kulturo, kiel estas la lernejoj profesiaj, pri kiuj la ŝtatoj okupantaj, pro konsideroj politikaj, tute ne zorgis. Malmultnombraj lernejoj, kiuj estis tie ĉi fonditaj antaŭ la mondmilito, dankas sian ekzistadon preskaŭ ekskluzive al iniciativo socia aŭ eĉ privata.

La dekjara agado de la registaro pola ĉe plia kunlaboro de la iniciativo socia, elkondukis la landon el la stato „tabula rasa" de lernejoj profesiaj, sur lokon honoran inter la landoj de l' Eŭropo Okcidenta. Sur unuan lokon oni devas meti reton de diversaj lernejoj kaj kursoj formantaj la instruadon teknikan. Tie oni instruas, produktadi artikolojn destinitajn al senpera uzo kaj ankaŭ produkcion de rimedoj por produktado, t. e. motoroj kaj maŝinoj. La edukatoj de tiuj ĉi institucioj diferencas ne nur laŭ la specialeco, sed ankaŭ laŭ la nivelo de ilia antaŭa preparo. La grandeco suprenleviĝas de metiisto al kvalifikata teknikisto.

Manufakturon je karaktero artista enpaŝantan en la sferon de arto aplikata instruas lernejoj por arta industrio, ampleksantaj la arĥitekturon de l' internaĵoj, la pentroarton ornaman, la meblistarton, la teksadon ornaman, la ĉizadon, bronzadon, la arton metalistan kaj la ceramikon.

Por la terkulturo preparas la junularon lernejoj kaj kursoj agroteknikaj, agrikulturaj, ĝardenistaj kaj ankaŭ abelkulturaj. En tiu ĉi sfero kunlaboras du ministerioj: Agrikultura kaj Ministerio de Konfesioj kaj Klerigo Publika.

Iom apartan pozicion en la faka lernejaro posedas la instruado komerca. Tie ĉi ankaŭ ekzistas gradacioj de la lernejoj laŭ la amplekso instrua kaj laŭ la postulata de la kandidatoj kvalifiko. La lernejoj komercaj postulas de la lernantoj finadon de almenaŭ sepklasa lernejo ĝenerala, la liceoj komercaj akceptas kandidatojn, kiuj finis almenaŭ 6 klasojn gimnaziajn.

La instrudaŭro estas unu ĝis kvar jaroj. La lernejoj komercaj estas viraj, virinaj kaj por gelernantoj.

Lernejaro faka virina en signifo preciza pretigas al diversaj specialecoj konvenaj por virinoj kiel: metio tajlora, tolaĵa, modista, puntista, brodista, teksista, kilimista (kilimo = speco da polaj tapiŝoj) trikotaĵista, ĉapista, gamaŝista, de leda galanterio, bindista, kompostista, juvelista, fabrikado de

fruktaĵoj, de laktaĵoj kaj esplorado de nutraĵoj. Krom tio oni preparas virinojn al klera dommastrumado kaj racia zorgado je la sano de la dom-afero.

Lernejoj vesperaj por junularo ĝis 18 jaroj jam praktikanta en la metio, industrio kaj komerco havas taskon trioblan: profundigon de ĝenerala klerigo de la lernanto, lia edukado ŝtatana, doni al li la scion teorian, bezonan por plibona plenumo de lia faka laboro.

La programoj de tiuj ĉi lernejoj dependas, kompreneble, de la lokaj kondiĉoj. La tempospaco de l' instruado daŭras tie ĉi tri jarojn; lernantoj estas akceptataj kun atesto almenaŭ 4-klasa de lernejo ĝenerala, por ne posedantoj eĉ tiun ĉi ateston minimuman oni formas klasojn preparantajn.

En la jaro 1929 ekzistis 1141 fakaj lernejoj kun 3831 klasoj kaj 181 284 gelernantoj.

La senpera partopreno de la registaro en la subtenado de la lernejoj fakaj estas la plej eminenta por la lernejoj teknikaj kaj agroteknikaj, ĉar ili estas la plejmultekostaj, postulas specialajn konstruaĵojn, laborejojn kaj kapitalojn spezajn por materialoj kaj iloj. En aliaj fakoj pli aŭ malpli grandan parton prenas institucioj komunumaj, sociaj kaj privataj. Tiel la kursoj komercaj (kune kun la kursoj de lingvoj fremdaj) estas kondukataj ekskluzive de organizacioj sociaj aŭ de personoj privataj, kaj la lernejoj profesiaj preskaŭ ekskluzive de la komunumoj urbaj, cetere subvenciataj el la ŝtata budĝeto.

### Edukado kaj preparo de instruistoj.

Ĉar la scienca kaj eduka nivelo de la lernejoj dependas antaŭ ĉio de bone preparitaj instruistoj, la estraro lerneja turnis specialan atenton je la pretigo de necesa nombro da novaj kandidatoj por tiu ĉi fako kaj al la finedukado de jam aktivaj instruistoj.

### Por lernejoj ĝeneralaj (unuagradaj).

Kiam la pola registaro ekprenis la lernejojn, nur en la sudaj vojevodecoj troviĝis plj ol sufiĉa nombro da instruistoj polaj. Dank' al tio, la superflua nombro de instruistoj povis transiri al aliaj landpartoj, kie instruistoj polaj mankis (anekso prusa) aŭ estis nombre nesufiĉaj (anekso rusa) antaŭ la mondmilito. Komence do oni devis plenigi la mankojn per fortoj nekvalifikitaj. En la jaro 1927/28 estis entute en la lernejoj unuagradaj 70184 instruistoj, el kiuj 65214 en lernejoj publikaj. Ne malpli kontentige oni solvis la aferon de faka pretigo de instruistoj. Antaŭ la milito polaj ŝtataj seminarioj ekzistis nur en la estinta parto aŭstra; en aliaj landpartoj ekzistis nur seminarioj kun ŝtata (nepola) lingvo instrua. En la seminarioj rusaj la nivelo estis tre malalta, konforma al la bezonoj de tri- ĝis kvinjara instruado en la lernejoj unuagradaj. Anstataŭ tiuj ĉi tri diversaj sistemoj oni kreis en 1919 unu sistemon por la tuta respubliko. Nun kandidato je instruisto de lernejo ĝenerala devas absolvi sepjaran lernejon ĝeneralan kaj kvinjaran seminarion instruistan, tiel devas lerni 12 jarojn. Fariĝi instruisto de tia lernejo oni povas ankaŭ absolvinte mezan lernejon kaj unujaran kurson instruistan aŭ dujaran kurson t. n. pedagogium. Por ricevi la rajton de enoficigo en publika lernejo la instruisto devas post dujara laboro en tia lernejo fari ekzamenon instruistan praktikan. En 1928/29 ekzistis 128 ŝtataj institucioj (seminarioj kaj kursoj) por eduki instruistojn, en kiuj lernis 13548 viroj kaj 8273 virinoj, kune 21 821 personoj.

Krom certigi normalan alfluon de novaj kandidatoj por la profesio instruista la registaro devis ankaŭ klopodi pri la aldona instruado de ekzistantaj vicoj de instruistoj, kaj tiacele oni en vasta mezuro organizis kursojn de pleninstruado por instruistoj ne kvalifikataj. De 1918 ĝis 1928 oni aranĝis 1586 monatajn kurs-

ojn feriajn ŝtatajn kaj privatajn, en kiuj lernis 70 156 aŭskultantoj. Tiuj ĉi kursoj helpis al la instruistoj fari la necesajn ekzamenojn por akiri la kvalifikon.

Krom tio la lernejestraro zorgas pri plua instruado de instruistoj kvalifikataj per la t. n. rajonaj konferencoj instruistaj kiuj okazas kvinfoje ĉiujare en ĉiu distrikto kaj plue per monataj kursoj feriaj. Por faciligi al pli eminentaj inter la instruistaro pluan fakan perfektiĝon oni fondis instituton instruistan kun kurso dujara, kaj similajn unujarajn pli altajn kursojn instruistajn. En 1927/28 estis 7 tiaj kursoj kun 383 absolvintoj.

### Por mezaj lernejoj kaj seminarioj instruistaj.

Por pretigi instruistojn por la gimnazioj kaj seminarioj ne ekzistas en Pollando specialaj institucioj, kvankam oni turnas atenton je tio, ke instruisto krom sia kvalifiko scienca posedu ankaŭ kvalifikon pedagogian.

Kandidato je instruisto de t. n. objektoj sciencaj en meza lernejo aŭ en seminario instruista devas fini kvarjarajn studojn akademiajn kaj post dujara praktiko lerneja aŭ post 1½-jaraj studoj pedagogiaj en la universitato fari specialan ekzamenon pedagogian. Kandidatojn je instruistoj de objektoj t. n. artistaj-teknikaj devas absolvi mezan lernejon aŭ seminarion instruistan kaj poste fari 2- aŭ 3-jarajn studojn en specialaj lernejoj pli altaj aŭ akademioj.

Instruistoj por manlaboroj kaj por korpa edukado devas fini dujarajn studojn pli altajn. Tiucele ekzistas la Ŝtata Instituto de Manlaboroj kaj la Instituto de Fizika Edukado (ambaŭ en Varsovio) kaj Studoj de Edukado Fizika en la universitatoj de Poznań kaj Kraków.

La rilato de lernejestreco al la instruistoj aktivaj en mezaj lernejoj estis alia ol al la instruistoj de la lernejoj ĝeneralaj (unugradaj). La leĝo de 1922 validigis kvalifikojn ricevitajn en la antaŭaj registaroj konkerintaj. Plue, oni faciligis akiron de la instrurajto al multaj instruistoj aktivaj kun neplenaj studoj pli altaj, sed posedantaj longjaran praktikon aŭ ankaŭ post speciala ekzameno plisimpligita.

### Por fakaj lernejoj.

En fakaj lernejoj, konsiderante ilian specialan karakteron, la kvalifikoj de la instruistoj kaj instrukciistoj dependas de tio, en kia lernejo kaj kiajn objektojn ili instruas. — Objektojn ĝenerale klerigajn, laŭ la nivelo de la lernejo, povas instrui instruistoj kvalifikataj al instruado en lernejoj mezaj aŭ en lernejoj ĝeneralaj. Fakajn objektojn povas instrui personoj finintaj lernejon akademian aŭ fakan je nivelo pli ol meza. Al fakaj lernejoj virinaj preparas instruistinojn specialaj seminarioj. En 1927/28 ekzistis sep tiaj seminarioj kun 471 edukatinoj. Instrukciistoj povas esti specialistoj posedantaj konvenan gradon kaj praktikon.

### Altlernejoj.

La altlernejoj en Pollando posedas tradicion atingantan la XIV-an jarcenton. En la jaro 1364 la reĝo Kazimiro la Granda fondis la unuan lernejon akademian en Krakovo, kiu en la XV-a kaj XVI-a jarcentoj akiras rimarkindan famon. Multaj alilandanoj tie ĉi studis. El poloj plejfama lernanto de tiu ĉi akademio estis Nikolao Kopernik.

En la XVI-a jarcento estiĝis en Vilno Kolegio scienca, altigita en la jaro 1578 de la reĝo Stefano Batory al la rango de universitato. En la jaro 1661 la reĝo Joano Kazimiro fondis la universitaton Lvovan.

La universitato Varsovia estiĝis en 1817.

En Pollando revivigita la altaj lernejoj vaste disvolviĝas. Ili estas subtenataj de la registaro kaj ankaŭ de organizacioj privataj.

Ŝtataj lernejoj akademiaj estas la sekvantaj:

1. La universitato Jagiellona en Krakovo,
2. La universitato de Stefano Batory en Vilno,

3. La universitato de Joano Kazimiro en Lvov,
4. La universitato Varsovia,
5. La universitato Poznana,
6. La politekniko Lvova,
7. La politekniko Varsovia,
8. La Akademio de la Medicino Veterinaria en Lvov,
9. La Ĉefa Lernejo Agronomia en Varsovio,
10. La Akademio Minista en Krakovo,
11. La Akademio de Belaj Artoj en Krakovo.

### La edukado fizika kaj higieno lerneja.

La novaj programoj lernejaj enhavas tri horojn de ekzercado fizika dividitajn je 6 unuoj duonhoraj. Tiucele ĉiuj novaj konstruaĵoj lernejaj havas halojn gimnastikajn kaj ilarojn por ekzercoj kaj ludoj. Ankaŭ la kunvenoj sportaj estas ĉiam plj kaj pli volviĝantaj, kiel ekskursoj turistaj, naĝado, remado, ciklista sporto, skisporto kaj teniso. El speciala monprovizo estas organizataj en la lernejoj pruntedonado de sportaj iloj. Estas konstruataj lernejaj basenoj por naĝado kaj havenoj remistaj.

La higieno lerneja sin prezentas en laŭcelaj apartamentoj lernejaj kaj en zorgo higiena-kuracista je la lernantaro. Antaŭ dek jaroj apenaŭ 40% de lernejoj estis tiel zorgataj, nun preskaŭ 100% ĝuas je konstanta zorgo kuracista. Tiel lernejo fariĝas displantiĝejo kaj propagandejo de higieno ne nur inter la junuloj, sed ankaŭ inter iliaj gepatroj. Tiacele oni aranĝas ankaŭ paroladojn, ekspoziciojn ktp.

### Klerigo kromlerneja.

La plimalalta nivelo de kulturo en la pola homsocio kompare kun la socioj okcidentaj, rezultato de longedaŭra premado politika kaj de nesufiĉa ĝis antaŭ nelonge nombro de lernejoj, kaŭzas malfacilajn kondiĉojn de laboro kaj bezonon de intensa elspezo de energio. Por egaligi tiun ĉi diferencon laboras la registaro, la komunumoj distriktaj kaj urbaj, institucioj sociaj, agrikulturaj kaj specialaj organizacioj.

Plej ofte trovata formo de instruado de plenkreskuloj estas kursoj vesperaj, ĉu por analfabetoj, ĉu por personoj, kiuj ne posedas plenan instruon de lernejo ĝenerala. Alia formo estas la universitatoj popolaj diverstipaj:

1. kursoj kaj cikloj de prelegoj je pli alta nivelo,
2. la t. n. universitatoj popolaj regionaj,
3. ĝenerala universitato koresponda de memklerigado,
4. vilaĝaj universitatoj popolaj je sistemo dana;

estas kvin universitatoj tiatipaj en Pollando, unu el ili germanlingva.

La junularo vilaĝa organizadas rondojn kultur-klerigajn, la junularo laborista urba similajn rondojn laboristajn kaj specialajn klubojn tiucelajn. En diversaj partoj de la lando oni konstruas t. n. domojn popolajn, ejojn por instruado de plenkreskuloj, por prelegadoj, spektakloj teatraj, por ekzercado de orkestroj, ĥoroj kantistaj, diversaj ludoj popolaj, koncertoj ktp. Multenombraj estas societoj kantistaj, precipe en la okcidenta parto de la lando.

La leĝo de 1. julio 1919 enkondukis instruadon klerigan por militistoj, gvidatan de oficiroj, suboficiroj kaj ankaŭ instruistoj civilaj, tiel ke ĉiu soldato finanta la servon estas pliriĉiginta sian scion kaj plialtiginta la nivelon de sia kulturo.

La bezonoj de tia vasta laboro kultura inter la plenkreskuloj, necesigis pretigadon de specialaj instruistoj. Por tio ekzistas kursoj diverstipaj:

1. mallongaj 6-tagaj distriktaj kursoj instrukciistaj por instruistoj de lernejoj ĝeneralaj,
2. pli longaj 6-semajnaj kaj dumonataj aranĝataj ĉiujare en Varsovio,
3. kursoj instrukciistaj kondukitaj por institucioj klerigaj por ĝiaj anoj en taskoj specialaj (rondetoj dramaj, societoj junularaj ktp.),

4. dujara „Studo de laboro socia-kleriga" organizata en 1925 per la Libera Universitato Pola en Varsovio, je 4 fakultatoj

a) por instruistoj kaj instrukciistoj por plenkreskuloj,
b) por bibliotekistoj,
c) por laborantoj de zorgo socia en urboj kaj vilaĝoj,
ĉ) por laborantoj de la zorgo je la infano.

Kandidatoj por tiu „Studo" devas posedi almenaŭ unujaran praktikon socian. Preferecon posedas kandidatoj kun studo universitata.

Lernejoj por malpliecoj naciaj kaj konfesiaj.

Laŭ la jarlibro statistika de la Respubliko Pola de 1929 la lernejaro por malpliecoj estas sekvanta:

a) Por la loĝantaro malgrandrusa (ukraina) ekzistis 764 lernejoj kun ukraina lingvo instrua, 2264 lernejoj dulingvaj (ukraina kaj pola) kaj en 1700 lernejoj instruado de lingvo ukraina estis objekto deviga.

b) La loĝantaro blankrusa havis 23 lernejojn kun blankrusa lingvo instrua, 52 lernejojn dulingvajn, kaj en pli ol 100 lernejoj lingvo blankrusa estis objekto deviga.

c) Por infanoj germanaj ekzistis 566 lernejoj kun germana lingvo instrua, krom tio ĉie, kie ariĝis 18 infanoj germanaj, ili ricevis instruadon de lingvo germana.

ĉ) La loĝantaro litova profitis de 20 lernejoj kun litova lingvo instrua kaj en 26 lernejoj el la instruado de lingvo litova.

d) La loĝantaro ĉeĥa havis 17 lernejojn kun ĉeĥa lingvo instrua kaj 4 lernejojn kun instruado de lingvo ĉeĥa.

e) Por la loĝantaro rusa ekzistis 2 lernejoj kun rusa lingvo instrua.

f) Por infanoj judaj oni organizis lernejojn aŭ fakojn festantajn sabaton, ĉie kie la kondiĉoj, t. e. la nombro de infanoj kaj la deziroj de la gepatroj ĝin permesis. En aliaj lernejoj publikaj la infanoj judaj profitis de ĉiuj oportunaĵoj tuŝantaj la instruadon religian kaj de objektoj judaistaj. En ĉiuj lernejoj publikaj devigas la principo, ke la instruado de religio estas en patra lingvo de la infanoj.

Privataj lernejoj ĝeneralaj (unuagradaj) por malpliecoj subiĝas al leĝoj ĝenerale devigaj. Kio tuŝas la lingvon instruan, neniuj limigoj ekzistas.

En 1928/29 estas sekvantaj lernejoj privataj malpliecaj:

30 lernejoj kun lingvo instrua ukraina,
1 lernejo dulingva.
3 lernejoj kun lingvo instrua blankrusa,
239 lernejoj kun lingvo instrua germana,
5 lernejoj dulingvaj,
87 lernejoj kun lingvo instrua litva,
11 lernejoj kun lingvo instrua ĉeĥa,
5 lernejoj kun lingvo instrua rusa,
588 lernejoj por infanoj judaj, el kiuj 189 kun lingvo instrua pola kaj juda, 23 kun pola kaj hebrea, 197 kun juda, 171 kun hebrea kaj 8 kun juda kaj hebrea.

En ĉiuj lernejoj privataj unuagradaj kun lingvo instrua nepola lernis entute 74913 infanoj, t. e. 2% de infanoj lernantaj de Pollando en lernejoj unuagradaj. Krom lernejoj unuagradaj, estas subtenataj de la registaro mezaj lernejoj malpliecaj, nome 7 lernejoj ukrainaj, 7 lernejoj germanaj ŝtataj kaj 3 komunaj. Privataj lernejoj mezaj estis ukrainaj 15, blankrusaj 4, litvaj 2, germanaj 31, hebreaj 17, judaj 7.

Ŝtataj seminarioj instruistaj malpliecaj ekzistas 1 germana kaj 2 ukrainaj. Ĉe 6 seminarioj instruado de lingvo blankrusa kaj en 1 instruado de lingvo litva por pretigi la estontajn instruistojn al instruado en tiuj ĉi lingvoj. Por la pretigo de instruistoj por lernejoj tre malmultenombraj (ekz. ĉeĥaj) ekzistas specialaj kursoj.

Krom ŝtataj seminarioj ekzistas ankaŭ privataj kun lingvoj instruaj malpliecaj:

7 ukrainaj, 2 germanaj, 2 hebreaj kaj 1 juda.

Ankaŭ tiaj privataj lernejoj malpliecaj ricevas iafoje subsidiojn ŝtatajn kaj komunumajn.*)

## Recenzoj.

L'éducation en Pologne. Genève 1931. Bureau international d'éducation. 260 pĝ. 6 sv. fr. (franclingve). En multaj artikoloj estas pritraktata' la stato de la pola lernejaro. Ni legas pri psikologiaj esploroj, pri eduko je vidpunktoj morala kaj estetika, pri lernejohigieno, pri skoltismo, pri diversaj aranĝoj en lernejoj, pri specialaj spertoj.

K. R.

S. Grenkamp-Kornfeld, Kompletny samouczek języka Esperanto, Eldonejo: Esperantista Voĉo, Jasło (Pollando); 72 pĝ., prezo 1,25 zł. (0,80 svis. franko).

Sub tiu ĉi titolo aperis antaŭ nelonga tempo lernolibro por poloj, verkita de lingva komitatano s-ro Grenkamp. En pola lingvo ekzistas nur malmultaj lernolibroj, do apero de nova kaj bona instrulo estas salutinda. Klare kaj simple skribita ĝi same bone povas servi al meminstruo kaj al kursoj, des pli ke la lecionoj estas tre mallongaj.

Antaŭparolon al tiu ĉi libro skribis Prof. A. Cotton, membro de Franca Akademio

M-cz.

Plena Vortaro de Esperanto verkita de E. Grosjean-Maupin, A. Esselin, S. Grenkamp-Kornfeld, G. Waringhien. Paris 1930. Sennacieca Asocio Tutmonda. XV kaj 517 pĝ. Bind. 10 mk. germ., broŝ. 9 mk. germ. Krom Vortaro de Kabe (1922) la tutmonda esperantistaro posedas nun duan unulingvan vortaron, pli riĉan ol la unua. La teknikan vortaron verkis nur S. Grenkamp-Kornfeld. La oficialaj vortoj ekas grandlitere, la neoficialaj alie. La vortaro enhavas multajn ekzemplojn, por komprenigi la sencon kaj por precizigi la nuancojn de vortoj. La ĝeneralan aranĝon montru jeno:

„**Fundamento.** 1 Masonaĵo servanta kiel bazo por konstruaĵo. Kp (t. e. komparu) Grundo. 2 (f) (t. e. figure) Esenca bazo, ĉefa principo: la -o de Esperanto; la -oj de la ŝtato, de teorio. **-a.** 1 Apartenanta al la -o: -a ŝtono. 2 (f) Esenca, baza: -a regulo, principo, argumento, -i (tr) (t. e. transitiva). Firme starigi, bazi: konstruaĵo bone -ita; -i metodon sperto. Kp Bazi, Fondi."

La afiksoj estas detale pritraktitaj, ekz.

„**Um.** Sufikso sen difinita senco, uzata por derivi vortojn, kies rilato al la radiko estas malpreciza kaj ne esprimebla per ceteraj sufiksoj: aerumi, amindumi, gustumi, komunumo, laktumo, linoleumo, palpebrumi, provizumi, spikumi, malvarmumi, ventumi. Krom tiu nedifinebla senco Um estas uzata laŭ iom pli precizaj sencoj por signifi: 1 Metaforigon de la radikverbo: brulumi, mastrumi, plenumi, respondumi. (Kp Pri B,3); 2 Vestoparton aŭ korpogarnaĵon: buŝumo, kolumo, manumo, nazumo (Vd Okulvitroj); plandumo; 3 turmenton: krucumi, palisumi, pendumi, radumi, ŝtonumi. Rim.: Por kelkaj vortoj, tiu sufikso montriĝis neutila, k iom post iom malaperas: akv(um)i, buton(um)i, lot(um)i, okul(um)i."

Nerekomendinda estas la propono, uzi akuzativon senpere post substantivo, devenanta de verbo transitiva kaj esprimanta agon. Skribis ja Zamenhof: „La akuzativo estas enkondukita el neceso, sed la uzado ĝin en okazo de senbezono pli multe malbeligas la lingvon ol la neuzado en okazo de bezono." Eble la formo

*) Kiu konas polan lingvon kaj deziras pli proksime ekkoni polan instruadon, al tiu oni rekomendas eldonaĵon: „Oświata i szkolnictwo w Rzeczypospolitej Polskiej" (Klerigo kaj instruado en Pola Respubliko) 1929. (Ekzistas tradukoj: germana, franca, itala kaj angla) kaj „Rocznik Pedagogiczny" (Pedagogia Jarlibro). Statistikon enhavas revuo: „Oświata i wychowanie" 1930, N-ro 7.

„ĝin“ tie ĉi estis eĉ preseraro, fuŝinta la formon „ĝia“? Sub „kiel“ staras la rimarkigo: „Kiam oni volas uzi la sencon de la adverbo en formo pli akcentinta, oni povas aldoni e.“ Sub „plu“ staras: „Plue. Akcentata formo, samsenca kiel Plu“ (en tempa signifo). Mi ne trovas logikan aŭ gramatikan diferencon inter plu kaj „plue“, pli kaj „plie“, tuj kaj „tuje”, iom kaj „iome” (pĝ 101) en Esperanto.

Tamen — tio estas nur bagat lo. Ĉe ofta uzo la Plena Vortaro montras al ni sian riĉan enhavon. Tre ŝatindaj estas la multaj rimarkigoj pri sinonimoj. K. R.

Nia Teatro. Biblioteko de Senaciulo. N-ro 14. Eldono de SAT, 23 rue Boyer, Paris. Eldon. Fako Kooperativa, Leipzig O 27, Colmstr. 1. Form. 12×15. 62 pĝ. Prezo 0.60 gmk. Libreto, kiu enhavas du klasbatalajn teatraĵojn kaj kelkajn versaĵojn por deklamo. La unua teatraĵo: „La lignovermo“ montras viglan dialogon, kiu certe bonhumorigas klasbatalantojn, la dua prezentas epizodon el Pariza Komuno. Inter la versaĵoj estas la lasta „Almozpetulo“ tre lerta poemo kun kortuŝa enhavo. F.

## TAGE-ĉefkunveno en Krakovo

publika por ĉiuj Esperanto-instruistoj kaj instruantoj.

Tagordo:

1. Organizo kaj gazeto de la Esperanto-instruistoj (Raporto de la sekretario, diskuto kaj elektoj);
2. Instruado de Esperanto en la lernejoj (Parolado de k-o Neužil-Olomouc, raportoj kaj spertoj de la diverslandaj kolegoj);
3. Ĉe-kursoj por instruistoj;
4. Liberaj proponoj.

Pri tempo kaj loko informos la kongreslibro. Ĉiuj instruistoj estas invitataj. Speciale la polaj gekolegoj plennombre bonvolu partopreni.

## Intern. Instruista Kongreso

arangôs publikan Esperanto-vesperon en Hamburg.

La Internacia Profesia Sekretariejo por Instruistoj (IPSI), libera instruista sindikato, kiu organizas pli ol 100 000 instruistojn el diversaj landoj, decidis antaŭ kelka tempo, propagandi Esperanton en siaj vicoj. La estraro nun okazigos la 10-an de Aŭgusto, je la 20-a horo en Gewerkschaftshaus, Besenbinderhof, Hamburg (Germ.), en kadro de Internacia Somera Altlernejo (temo: Laboristaro kaj Lernejo), oficialan Esperanto-vesperon. La sekretario kaj eble ankaŭ la prezidanto de TAGE partoprenos. Kaj TAGE ricevis la afablan permeson, inviti al tiu Esperanto-vespero la Esperanto-instruistojn. Per multnombra partopreno la gekolegoj montru, ke ni bone komprenas la gravecon de tiu Esperanto-aranĝo de ne-esperantista instruista internacio por la rapida progreso de nia movado. Kiu iel trovos eblecon, tuŝi Hamburgon la 10-an de Aŭgusto, venu en la vesperon. Pro loĝejo vi povas skribi (detale kaj per respondkarto) al k-o Riggert, Hoppenstedtstr. 66, Harburg-Wilhelmsburg.

## Intern. Instruista Kongreso

invitas TAGE-on.

La Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI) okazigos sian 4-an kongreson 13.—17-a de Aŭgusto en Stockholm (regna parlamentejo) kun la tagordo: 1. Deviga postlerneja instruo (por 14—17-jaraĝuloj); 2. Deviga militpreparo en la lernejo. La sekretarioj afable invitis nin, sendi reprezentantojn en la kunsidojn. Plej eble multaj svedaj samideanoj partoprenu kiel TAGE-anoj! Krom tio TAGE delegos apartan reprezentanton por tiu kongreso.

**La sekvonta numero aperos la ekon de septembro.**

# Germana Instruista Gazeto eldonas specialan Esperanto-numeron.

Okaze de la Germana Esperanto-Kongreso dum pasinta pentekosto la Hamburga Instruista Gazeto (Hamburger Lehrerzeitung) en n-ro 21/22 aperigis sur 9 paĝoj artikolojn pri Esperanto: Internacia Instruistaro kaj Esperanto, Esperanto en la lernejo, Esperanto kiel literatura lingvo, International Auxiliary Language Association (IALA, Internacia Helplingva Asocio), Jarraporto de la Esperanto-Asocio de Saksaj Instruistoj. La unuaj kvar artikoloj estas aĉeteblaj (8-paĝa flugfolio germanlingva) de k-o Schneller, Rückmarsdorferstr. 1, Leipzig W 35 por 0,20 germ. m. (10 ekz. = 1,50 gmk.; 50 ekz. = 6.— gmk.). Havigu al vi la ampleksan propagandmaterialon speciale verkitan por instruistoj.

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.